# Esperanto en Azio



**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 71**
**Bulteno de KAEM**
**Aprilo 2011**

-------------------------------------------------------------------

## Al niaj amikoj tra la mondo

SIBAYAMA Zyun'iti, la Prezidanto de JEI
sibazyun@nifty.com

**NI NE RICEVIS INFORMON PRI SERIOZA DAMAĜO DE ESPERANTISTOJ JAPANAJ**.

En la 11a de marto nordorientan parton de Japanio atakis grandegaj tertremo kaj cunamo, kun perdo de multaj vivoj kaj havaĵoj. Ni esprimas kondolencon al la damaĝitoj. Pri la katastrofo, ni japanaj esperantistoj, inkluzive de Japana Esperanto-Instituto mem, ricevis multajn mesaĝojn de zorgo kaj kondolenco. Ni, nome de la Estraro de JEI, dankas vin ĉiujn pro via bonvolemo.

**Desegnaĵo apud la titolo**: Unu sola postvivinto el 70000 pinarboj laŭ la marbordo de la urbo Rikuzen-Takada, Japanio, trafita de la granda cunamo. Nun ĝi estas nomita "Pinarbo de Espero".

# La katastrofon Venkos Japanio kaj Japanaj Esperantistoj

Kun dankemo pro viaj kondolencoj kaj kuraĝigoj

HORI Jasuo (eksa prezidanto de KAEM)

La grandega tertremo atakis la orientan parton de Japanio nomatan la regionoj Toohoku kaj Kantoo je la 14a kaj 46 minutoj la 11an de marto 2011. Sekvis ĝin grandega cunamo kaj detruis multajn urbojn kaj vilaĝojn. Kaj sekvis tiujn pli terura akcidento de la nukleaj centraloj en la gubernio Hukuŝima. Tiuj duoblaj kaj trioblaj malfeliĉoj turmentas Japanion.



La 11an de aprilo, unu monaton post la katastrofo, la situacio de Japanio estas jena:

**1. Mortintoj kaj malaperintoj**

La nombro de mortintoj estas 13013 kaj malaperintoj 14608.

**2. Rifuĝintoj**

La nombro de rifuĝintoj estas 151115. El tiuj 120000 loĝas en rifuĝejoj en 3 gubernioj, Iŭate, Mijagi kaj Hukuŝima. Aliaj 30000 (plejparte rifuĝintoj el la nuklea akcidento en Hukuŝima) loĝas en aliaj gubernioj.

Por la rifuĝintoj en la 3 gubernioj oni planas konstrui 70000 provizorajn domojn, sed pro manko de konstrumaterialoj (ĉar multaj fabrikoj estis detruitaj) kaj manko de tereno (ĉar malantaŭ la detruitaj urboj kaj vilaĝoj estas nur montetoj) oni ne povas rapide konstrui domojn.

Restas multega da kvanto de rubaĵoj. Oni nun strebas forigi tiujn, sed oni bezonos multajn monatojn por tio. Laboro por tio mem estas tre malfacila, sed samtempe oni devas serĉi malaperintojn kaj konservi valoraĵojn kaj memoraĵojn trovotajn el la ruinoj.

**3. Nukleaj centraloj**

Oni ankoraŭ ne sukcesis kvietigi la 4 reaktorojn en la centralo n-ro 1 de Hukuŝima. Nun oni rekolektas radioaktivan akvon por reuzi por malvarmigi la reaktorojn. Por stabiligi ilin, oni bezonas eble unu jaron. Ĉiuj reaktoroj en la centraloj n-ro 1 kaj n-ro 2 estos forĵetitaj, sed por tio oni bezonos minimume 20 jarojn.

Nun 6 urbojn evakuis loĝantoj en la radiuso de 30 kilometroj de la centraloj. La tereno estas tiel radiokatikva, ke laŭ mia supozo ili ne plu povos reveni tien kaj tiuj urboj malaperos kaj dezertiĝos.

**4. Disvastiĝanta Radioaktiveco**

Nuntempe tio ne estas serioza, sed povos esti, ke oni ne povos bone regi la reaktorojn kaj forta radioaktiveco denove disvastiĝos eĉ al Tokio. Pro la timo de radioaktiveco oni evitas aĉeti legomojn kaj fiŝojn el Hukuŝima kaj la ĉirkaŭaj gubernioj, kio kaŭzas grandan damaĝon al terkulturistoj kaj fiŝistoj.

**5. Manko de elektro**

La elektro kompanio Tokio liveras tutan elektron al la regiono Kantoo (Tokio kaj la ĉirkaŭaj gubernio). Pro la akcidento de tiuj

nukleaj centraloj kaj paneo de aliaj vaporenergiaj centraloj mankos elektro en somero. Tio kaŭzos damaĝon al la normala funkcio de trajnoj kaj fabrikoj. Ankaŭ en la regiono Toohoku oni timas mankon de elektro.

**6. Sinsekvaj tertremoj**

Grandega tertremo tordas platojn kaj tavolojn, tial ofte okazas fortaj posttertremoj. Ĉi-foje la tertremo de la 11a de marto estis eksterordinare granda, tial okazas oftaj posttertremoj, kiuj kaŭzis mortojn kaj damaĝojn. Ni plu devas vivi atente pri tertremoj.

**7. Politika kaoso**

Rezulto de la elektoj por guberniaj asembleoj okazintaj la 10an de aprilo estis malvenko de Demokratia Partio, la nuna reganta partio. Post sia ekregado en 2009 ĝi perdadis subtenon de popolanoj, do sekve sian gvidkapablon. Por solvi diversajn malfacilajn problemojn ĝia malfortiĝo certe donos malbonan influon.

Tiu ĉi katastrofo atakis ne unu urbon aŭ unu gubernion, sed multajn, de Tokio ĝis Aomori, en la tuta orienta parto de Japanio, kiuj ludis gravan rolon en agrikulturo, fiŝado, fabrikado ktp., kaj la produktaĵoj iris al la tuta Japanio, kaj eĉ al la tuta mondo, do la influo estas tre granda.

Feliĉe esperantistoj en tiu regiono nek vundiĝis, nek mortis, sed certe iliaj domoj pli-malpli difektiĝis kaj familianoj kaj parencoj suferas. Dum tiuj tagoj venis multaj kondolencoj kaj kuraĝigoj el la tuta esperantistaro en la mondo. Ni estas multe kuraĝigitaj. Eble estas ne malmulte da malbona influo al la japana Esperanto-movado, sed mi estas certa, ke ni revigligos nin mem kaj la movadon kaj partoprenas en la tutmonda movado pli energie ol antaŭe.

* Hori verkadis raportojn ĉiun tagon ekde la 11a de marto ĝis la 11a de aprilo, kaj poste du fojojn semajne. Tiujn vi povas vidi sube:
http://satesperanto.org/-Taglibro-de-nia-Kamarado-Yasuo-.html

# Vjetnamio

## Printempaj Esperoj

Nia lando pasigis kvar mil jarojn de historio,
Ni ĵus memorfestis la miljaron de la ĉefurbo.
Kiam la vintro pasis, la printempo revenas,
Kun la nova jaro, ni ĝoje esperas.

Por studi kaj agadi laŭ la ekzemplo de nia onklo
"Laboremo, ŝparado, justeco, rektanimeco",
Estas necesaj la firmeco kaj la honesteco
kaj la sento: "tuta por komuna intereso".

Okaze de la Novjaro, ni bondeziras al ĉiuj:
Bonfarto, Prospero kaj Feliĉo en la vivo,
La aferoj finaranĝitaj kun demokratio kaj justeco,
Unu socio civilizita kaj sen mizero.

Printempo de 2011 (Jaro de kato)
NGUYEN HOP (Vjetnamio)

## DUFOJE BELA




Jen foto de ĉarma vjetnama knabineto, 21-monata, kiu nomiĝas Bela. Kaj ŝi estas bela, ĉu ne? Ŝi estas filino de tre aktiva esperantistino Bela Maro, direktoro de la infanĝardeno VSK en Hanojo. En tiu infanĝardeno okazos venontjare la IIK (Internacia Infana Kongreseto), paralele kun la UK-2012. Ili bone prepariĝas por tiu grava evento. La instruistinoj kaj laboristoj de la infanĝardeno bone lernas Esperanton, por sukcese helpi en la IIK.

Aldone mi povas diri, ke Bela rapide

lernas novajn vortojn en la vjetnama, en la angla, en Esperanto. Dum la IIK certe ŝi povos bone komunikiĝi en Esperanto kun la infanoj alvenontaj el la tuta mondo. Ĉu vi volas konatiĝi kun ŝi? Jen estas la vidbendo en youtube de talentaj infanoj ĉe la infanĝardeno VSK (unu el tiuj estas Bela):

http://www.youtube.com/watch?v=mDepamk--qE

Augusto Casquero <augustocasquero@gmail.com>

## Printempa renkontiĝo

Printempa renkontiĝo estas tradicia kunveno de vjetnamaj esperantistoj. Ĉi-jare, ĝi estis la dekunua fojo, kaj KOVELI, klubo de VEA, organizis la kunvenon. Pli ol 50 homoj partoprenis. La plejparto el ili estis junuloj, ĉefe aktivuloj en la junulara movado kaj novaj lernantoj de Esperanto.

Alvenis al la kunveno estraranoj de Vjetnama Esperanto-Asocio, Hanoja Esperanto-Asocio, reprezentanto de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj. La etoso de ĉi-jara kunveno tute malsimilas al la antaŭaj pro tio, ke la membroj entuziasme sin orientigas al la 97-a UK en 2012. Ĵus malfermis 4 novaj klasoj de Esperanto diversnivelaj por trejni UK-volontulojn kaj helpantojn. Speciale, fama hispana esperantisto Augusto Casquero volontule alvenis Vjetnamion por instrui Esperanton. Lia ĉeesto allogis multajn lernantojn. Li ankaŭ donis valorajn konsilojn por prepari la UK-on.

Augusto Casquero parolis pri Zamenhof, montris sur ekrano fotojn de la tombo de Zamenhof en Pollando, de la diversaj "Zamenhof-stratoj" en multaj urboj en la mondo, de la esperanta flago flirtanta apud naciaj flagoj en diversaj UK-oj, de la diversaj Esperanto-kafejoj tra la mondo ktp.

Li speciale aŭdigis la voĉon de Zamenhof en 1909, dum la 5a UK en Barcelono. Malgraŭ la tiutempa neperfekta sonregistra tekniko, la voĉo de la Majstro emociis la ĉeestantaron.

Li disdonis kopion de sia artikolo "Junularo aktivas en Hanojo, la urbo de la UK 2012", kiu aperis ne nur en la revuo "Zagreba

Esperantisto” sed ankaŭ en aliaj revuoj, paperaj kaj retaj. Li gratulis la lernemon de vjetnamaj lernantoj diversaĝaj, kaj ilian rapidan ellernadon.




Prezidantino de Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO) raportis pri la rezultoj de la 29-a Komuna Seminario.

Plenumkomitatano de VEA raportis pri la preparoj por la 97a UK, la ŝanĝoj en la personaro de Konstanta Komitato, la elekto de la emblemo kaj simbolo de la 97a UK, kaj la urĝaj preparoj por la laboro kun la Konstanta Kongresa Sekretario de UEA fine de aprilo.

La Subkomisiono pri Informado disdonis al la ĉeestantaro flugfoliojn pri “Historio de la vjetnama Esperanto-movado”; “Pri la Universalaj Kongresoj” kaj la paperan bultenon “Verda Mesaĝo el Vjetnamio” numero 1-2011. Kantoj, ludoj, kvizoj ĝojigis la etoson de la kunveno. Oni kune tagmanĝis. Ĉiu partoprenanto alportis sian propran porcion kaj oni kunmanĝis. Komuna fotado fermis la kunvenon.

## Junularo aktivas en Hanojo

Augusto Casquero <augustocasquero@gmail.com>

Nuntempe mi troviĝas en Hanojo, Vjetnamio, post mia 4-jara instruado en Kantono, Ĉinio.

Ekde la komenco mi ege surpriziĝis pro la alta nivelo de Esperanto ĉi tie. Multaj homoj entuziasme lernas nian lingvon, kaj ankoraŭ estas multaj kandidatoj por lerni ĝin. Momente mi instruas Esperanton al du grupoj de universitataj gestudentoj, al alia grupo, kiu konsistas el instruistinoj de infanĝardeno, kie okazos la Infana Kongreseto, al du grupoj de miksitaj aĝoj, kaj tuj mi komencos instrui Esperanton al tria grupo de universitataj gelernantoj.

Kion mi vidis ĉi tie estas, ke homoj ne nur ŝatas lerni la lingvon, sed, diference de aliaj lokoj, ili havas Esperanton en la koro ekde la komenco. Oni ne bezonas konvinki ilin. Ili tre entuziasme kaj rapide lernas kaj volas tuj esti parto de la movado, helpi ĝin, kaj kunlabori kiel volontuloj en la organizado de la UK, kiu okazos en Hanojo en la jaro 2012.

Kaj, ankaŭ diference de aliaj mondopartoj, ili ŝatas paroli Esperanton. Ili tute ne emas krokodili. Ĉiuj volas tuj komenci uzi la lingvon. Tio multe plifaciligas mian laboron kaj kortuŝas min. Kompreneble por mi tio estas granda plezuro. Ĝenerale, kiam mi instruas Esperanton, gelernantoj diras al mi, ofte: "Bonvolu iri malrapide". Sed ĉi tie okazas io aliel. Ili diras: "Rapide, rapide, ni devas fini la libron tuj". Granda plezuro estas instrui en ĉi tiuj kondiĉoj.

Kaj interesa fenomeno estas ankaŭ, ke vjetnamoj detruas pedagogiajn teoriojn, kiuj diras, ke post 50-jaraĝaj homoj ege malfacile lernas novan lingvon. Unu el la grupoj, kiuj lernas kun mi, konsistas el maljunuloj, inter 65 jaraj kaj 93 jaraj. Kiom ĝentilaj ili estas, kiel entuziasmaj, kiel diligentaj. Jam ĉiuj, post mallonga tempo, paroletas en Esperanto. Kompreneble, mi ne devas tion kaŝi, ili havas altan kulturan kaj profesian nivelon (armea kuracisto, kolonelo; universitataj profesoroj; inĝenieroj, ktp). Certe ili estos

granda helpo en la organizado de la UK.

Kaj, kion diri pri la vjetnama junularo? Mirinda. Ili ne estas la estonteco de la movado, sed jam realaĵo. De ĉiuj miaj junaj gelernantoj mi mem lernas multe. Ili rapidege lernas. Ĉiuj estas talentaj. Ĉiuj havas Esperanton en la koro. Laborante kun ili mia koro plijuniĝas. Kelkaj el ili jam multege laboris ĉi tie en la organizado de naciaj kaj internaciaj Esperanto-aranĝoj, kiel IJK, Azia Kongreso, Komuna Seminario. Ilia helpo estos ege valora por la UK. En tio multe helpis Flama Floro kaj Belinda, entuziasmaj kaj kapablaj knabinoj.



Speciale mi volus mencii Raquel. Meze de januaro, okaze de la lerneja vintra feriado ŝi decidis partopreni rapidkurson en Ĉinio, en la urbo Kantono, sub la gvido de la usona profesoro Dennis Keefe. La rezulto estis mirinda, ne kredebla. La kurso daŭris unu monaton. (po ok horoj tage). En tiu tempo Raquel (ŝi havas hispanan nomon, ĉar ŝi estas studentino de hispana lingvo, kiun ŝi perfekte parolas, en la Universitato de Hanojo) akiris tre altan nivelon en la kono de Esperanto. Fakte kiam mi konatiĝis kun ŝi, ŝi ĉiam parolis kun mi en la hispana lingvo, sed nun, kiam ni renkontiĝas, el ŝia buŝo venas nur esperantaj frazoj. Baldaŭ ŝi komencos instrui Esperanton, kaj multege helpos en la organizado de la kursoj de Esperanto.

## Pakistano

### Raporto de 1-a Estrara Kunsido de PakEsA

La 3-an de aprilo sukcese okazis la 1-a Estrara kunsido de PakEsA, en kiu anoj de PakEsA partoprenis. S-ro Mian Naveed Ikram, prezidanto de Lahore Esperanta Klubo, bonvenigis ĉiujn partoprenantojn.

Samideanoj Hafiz Abdul Kudus kaj Jamŝed Ajmal el Multano, Adeel Mahmood Butt el Islamabado, Zubair Khuŝi el Kasur kaj Shabbir Ahmad Sial, prof. Rahim Shah, Muhammad Zubair, Irfan Mehndi, Shahadat Ali, Yousaf, Hamza el Lahore partoprenis en la kunsido. La ĉefgvidanto de PakEsA Tariq Umer Ch. telefone partoprenis. S-ro M. Hanif Ramej, prezidanto de "Mutahida Labour Federation Pakistan", kiel ĉefgasto partoprenis.

Komence s-ro Adeel Ahmad raportis pri la agado kaj laboro en Islamabad. Li prelegis pri Esperanta movado, radio-servo de Esperanto en la mondo kaj ankaŭ pri siaj servoj por "TTT-Lernu" per Urdua lingvo. S-ro Hafiz Abdul Kudus raportis pri Multana Esperanto-movado kaj prof. Rahim Shah Khan raportis pri Lahore. Oni diskutis pri administraj aferoj kaj planis por la venontjara somera kunveno de PakEsA. Fine ĉefgasto prelegis kaj dankis al s-ro Shabbir Ahmad Sial, prezidanto de PakEsA por la invito al ĉi tiu kunsido.

Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>

## Indonezio

### Kiel helpi al la movado en Indonezio?

Du instruvojaĝoj al Indonezio havas kiel sekvon ke nun en pluraj insuloj estas homoj kiuj scias pri Esperanto kaj eĉ eklernis ĝin, kaj en du urboj estas aktivaj kluboj (kaj en aliaj urboj oni provas starigi klubon aŭ almenaŭ kune lernas). Tamen la movado en Indonezio ankoraŭ nek grandas nek fortas, kaj bezonas nian helpon. Estas pluraj manieroj tion fari.

Eblas sendi librojn al la kluboj, precipe anglalingvajn lernolibrojn kaj vortarojn, sed ankaŭ bazajn librojn (ekz. PIV, la Fundamento aŭ malgrandaj (bild)vortaroj). Petu min pri la adresoj.

Alia ebleco estas helpi 'kanutigi' indonezianojn. Estas pli da indonezianoj kiuj meritas fariĝi UEA-membroj ol la Fondaĵo Canuto povas subteni. Pluraj el tiuj indonezianoj jam sciigis al mi, ke se ne eblas ricevi papere, por ili sufiĉas ricevi retan abonon al la revuo Esperanto. En tiu kazo, membriĝo kostas nur 12 eŭrojn kaj eblos donaci ĝin al pli da homoj. Se vi volas tion fari, bv. ĝiri vian subtenon al la Fondaĵo Canuto kun mencio 'por indonezianoj'.

Alia plano estas venigi almenaŭ po unu indonezianon al la UK kaj la IJK ĉi-jare. Nun en Indonezio estas centoj da komencantoj. Pluraj el ili estas tre lernemaj kaj aktivaj kaj jam ne plu estas komencantoj. Por ke ili spertu la etoson de la internaciaj Esperanto-renkontiĝoj kaj samtempe multon lernu, estus bone inviti kelkajn al Eŭropo ĉi-jare (kaj venontjare, eble eĉ pli, al Vjetnamio kaj Japanio).

Tri indonezianoj, nome Sabrina, junulino, kiu kombinas studadon kaj instruadon kaj volas plu lerni Esperanton por povi instrui ĝin poste; Pryo, la tradukanto de lernu.net en la indonezian, kaj Ilia, la aktiva sekretariino de la ĝakarta Esperanto-klubo, estas pretaj veni al la ILEI-konferenco, al la UK en Danio kaj al la Somera Esperanto-Studado <http://eo.lernu.net/pri_lernu/renkontighoj/SES/2011/index.php> en Slovakio. Por tio estas kolektata mono ĉe Fonduso Dazzini de ILEI <http://ilei.info/> kaj Triamonda Kongresa Fondaĵo de UEA <http://www.uea.org>.

Se ankaŭ vi volas partopreni en la realigado de ĉi tiu projekto, kiu multe helpos al la indonezia Esperanto-movado, ĝiru vian kontribuon al la menciitaj kontoj, kun la indiko "indonezianoj".

Same, entuziasma studento el Ĝakarto ŝatus iri al la IJK. Li partoprenas la konkurson 'Partoprenu IJK-on' de TEJO. Vi povas helpi ĝirante vian kontribuon al la Fonduso 'Partoprenu IJK-n <http://tejo.org/eo/partoprenu-ijk-n>' de TEJO.

Heidi Goes (Belgio) heidi.goes@gmail.com
https://sites.google.com/site/esperantoenindonezio/blogo/alvokopeto

**Korekto:** En la n-ro 70 de "Esperanto en Azio" aperis raporto de Zamenhofa Tago en Ĝakarto. Kiel kunverkinto de Ilia mankis la nomo de Abdul Haris Adnan. Mi petas pardonon de Haris kaj legantoj. (Redaktoro)

# Japanio

## Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio

**--- en Koreio en oktobro ---**

Tiu ĉi estas komuna de la 98a Japana Esperanto-Kongreso, la 43a Korea Kongreso de Esperanto, kaj ankaŭ de la 30a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana kaj Korea Junularoj. Ĝi estas la unua komuna okazigo de la lando-skalaj kongresoj.

**Dato:** la 7a ĝis la 9a de oktobro 2011
**Kongresejo:** Centra Trejnado-Instituto de Korea Saemaul-Movado (Seongnam, apud Seulo)
**Kongresa Temo:** Esperanta amikeco kaj interkompreniĝo trans la maro
**La ĉefaj programeroj** (provizoraj)
la 7-an de oktobro (vendredo): fakkunsidoj, interkona vespero
la 8-an (sabato): malferma soleno, komuma vespermanĝo
la 9-an (dimanĉo): fakkunsidoj, ferma soleno
la 10-an (lundo): postkongresa ekskurso
**Kotizo por ne-japanoj/koreoj, aliĝontaj**
**1) tra JEI:** Aliĝkotizo: 3 000 enoj.
Loĝejo por 7-persona ĉambro plus manĝoj (kun 3 tranoktoj kaj 8 manĝoj): 8 000 enoj.
Detalon vi vidos sur la TTT-paĝaro de JEI.
**2) tra KEA:** Vi vidos ĝin sur la TTT-paĝaro de KEA.

**Memoraĵo:** Oni eldonos kompaktan diskon de utilaj frazoj en tri lingvoj, Esperanto, japana, kaj korea. Kun ĝi estos broŝuro ankaŭ en la tri lingvoj.

**Postkongresa Ekskurso:** Ekiri matene de la 10a de oktobro al la natura parko de montaro Soraksan, apudmaraj urboj Gangneung kaj Sokcho. Oni povas ĝui belajn pejzaĝojn de Goseong-gun kaj Misiryeong, kaj gustumi frandaĵojn el la maro. Unu tranokto, kun 3 manĝoj. Kotizo: 13,000 enoj.

**Kontakto-adreso japanflanka:**

Sekretario de Komuna Kongreso ĉe Japana Esperanto-Instituto,
JP-162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Telefono: +81-3-3203-4581 Fakso: +81-3-3203-4582
Retadreso: jek11s@jei.or.jp
TTT-paĝaro: http://jei.or.jp/evento/2011/kk/

**Kontakto-adreso koreflanka:**

Korea Esperanto-Asocio, 1601 Kang Byeon Hanshin Core, 350 Mapo-dong, Mapo-ku, Seoul-121-703
telefono: +82-2-717-6974, fakso: +82-2-717-6975:
retpoŝto: kea@esperanto.or.kr,
TTT-paĝaro: http://www.esperanto.or.kr/

## Raporto pri la mesaĝoj por la Virina Tago Hiroŝimo

Jen, finfine 287 mesaĝoj el 68 landoj kaj teritorioj por Internacia Virina Tago 2011 Hiroŝimo estis ricevitaj ĝis la 8a de marto.

La mesaĝoj kuraĝigas virinojn de Hiroŝimo kaj de la mondo lukti plu por paco kaj amo sen nuklearmiloj kaj sen ĉio malbona al la homoj kaj la terglobo. Ekde la 23a de februaro ĝis la 6a de marto ĉe la Centroj de Civila Interŝanĝo kaj de Virina Edukado okazis ekspozicioj de la mesaĝoj.

Ekde la 11a de marto japanoj vivas en funebraj tagoj jam tri semajnojn post la katastrofo, kaj la ĉefministro la 31an de marto, esprimis, ke la registaro el sia energia plano eble nuligos novan

konstruon de atomcentralo. El Hiroŝimo, en granda ŝanĝo de la socio Japanio al paca vivo, salutas vin kun dankoj al via kunlaboro.

**Azio 36:** Armenio 2/ Barato 1/ Ĉinio 7 (Tajvano 2)/ Irano 2/ Israelo 5/ Koreio 5/ Malajzio 1/ Nepalo 2/ Pakistano 2/ Taĝikio 2/ Turkio 1/ Uzbekio 2/ Vjetnamio 4.
**Afriko 12:** Benino 2/ Burundo 1/ Ganao 1/ DR Kongo 2/ Ebur-bordo 1/ komoroj 1/ Malavio 1/ Niĝerio 1/ Senegalo 1/ Tanzanio 1.
**Oceanio 8:** Aŭstralio 6/ Novzelando 2.
**Sudameriko 19:** Argentino 3/ Brazilo 14/ Ekvadoro 1/ Peruo 1.
**Centra Ameriko 6:** Kostariko 1/ Kubo 2/ Meksiko 3
**Nordameriko 6:** Kanado 4/ Usono 2.
**Eŭropo 200:** Aŭstrio 5/ Belgio 10/ Bosnio-Hercegovino 1/ Britio 3/ Bulgario 7/ Ĉeĥio 8/ Danio 1/ Estonio 1/ Finnlando 6/ Francio 81 (Novkaledonio 1/ Reunio 1)/ Germanio 12/ Grekio 2/ Hispanio 3/ Hungario 6/ Islando 2/ Italio 12/ Kroatio 2/ Litovio 2/ Luksemburgio 2/ Nederlando 3/ Norvegio 2/ Pollando 6/ Portugalio 2/ Rumanio 3/ Rusio 3/ Serbio 2/ Slovakio 3/ Slovenio 3/ Svedio 2/ Svislando 2/ Ukrainio 3.

Nome de Internacia Virina Tago 2011 Hiroŝimo, OSIOKA Taeko, Hirosima Esperanto-Centro osioka@mua.biglobe.ne.jp

## Esperanto-domo de Yatugatake



Dum vintro Esperanto-domo de Yatugatake, biblioteko/kursejo de Japana Esperanto-Instituto, estas fermita pro malvarmo. Jam venis printempo, do la komitatanoj kolektiĝis la 8an de aprilo kaj laboris por la ekfunkciigo. Ĉar la domo estas jam 17-jara (fondita en 1994), JEI decidis ripari ĝin, por ke oni povu uzi ĝin por la venontaj 20 jaroj. Oni farbigis la domojn,

renovigis la ekipaĵojn ktp. En la domo nun estas prezentitaj “Pupoj el la mondo”, “Fotoj kaj memoraĵoj de Himalaja Renkontiĝo” kaj “Fotoj de insektoj”. La 25an de junio okazos prelego de s-ro Kurita Kimiaki kun la temo “Mallonga vojo al la lingva lernado - de Esperanto al la angla lingvo -”

### Subvencio por biciklo

S-ino Takada Aja, esperantisto en la urbo Iŝinomaki, posedas artgalerion, kie esperantistoj havis kunsidon, sed ĝi estis damaĝita de la cunamo kaj ŝia biciklo estis difektita. Malgraŭ sia propra malfacilo, ŝi helpas aliajn rifuĝintojn. Tamen sen biciklo tio estas tre malfacila, pro kio esperantistoj, kolektinte 120 mil jenojn (1200 eŭrojn), helpis al ŝi aĉeti porteblan, elekrohelpan biciklon.

### Unutaga Kurso en Tokio

La 10an de aprilo en Nacia Muzeo de Tokio okazis Unutaga Kurso de Esperanto publike organizita de Ok Esperanto-Grupoj de Tokio. Prelegis s-ro Saliĥ ZAKIROV pri "Baŝkirio en Rusio - la etno kaj la kulturo", kun interpreto de s-ro NAKAMURA Daishin. Sekvis unuhora kurso de Esperanto gvidate de s-ro INUMARU Fumio. Poste la ĉeestantoj interparolis kun s-ro ZAKIROV, kiu prezentis muzikan ludon per tre raraj muzikiloj de Baŝkirio. Ĉeestis 35 homoj. Post la Unutaga Kurso komenciĝas elementa kurso de Esperanto en sep grupoj.

Syozi Keiko <syozik@qa2.so-net.ne.jp>

## Ĉinio

### Zaozhuang-a Universitato en Shandong-provinco

Zaozhuang-a Universitato en Shandong-provinco oficiale funkciigas Esperanto-lecionon kiel nedevigan por studentoj de la tuta universitato en la dua semestro de la 2010-2011-a studjaro. 89 studentoj el 12 fakultatoj de la universitato elektis la kurson. Post

sukcesa ekzameno ili povas gajni du poentojn per 36 studaj horoj. S-ro Semio (Sun Mingxiao), delegito de UEA kaj komitatano de ĈEL, instruas. En la unua leciono la 7an de marto li konigis al ili sciojn pri Esperanto kaj ĝia movado. Gestudentoj volas korespondi. La retadreso estas: verdalumo@126.com

Sun Mingxiao el Zaozhuang-a Universitato semio@163.com

## Projekto de Aglido-Agado

**Celo:** kulturi movadantojn kaj verajn esperantistojn kiel fortajn heroajn aglojn en Esperantujo.

**Elekto de aglidojn:** elekti bonajn komencantojn de Esperanto kiel aglidojn pere de instruistoj en universitatoj kaj elementaj kursoj.

**Rimedo:** varbi spertajn kaj lertajn esperantistojn kiel aglojn, kiuj nutras kaj zorgas la kreskadon de aglidoj en studado, ekzercado de nia movado kaj aplikado de Esperanto per retkorespondado aŭ retbabilado, por ke la aglidoj kresku sane kaj espere laŭ bezono de Esperanto-Movado.

La instruistoj estas helpantoj kaj kontaktantoj inter agloj kaj aglidoj. Ni elektas helpantojn en urbo aŭ universitato, en kiuj okazas Esperanto-kurso aŭ leciono. Subtenantoj estas lokaj asocioj kaj kluboj, monodonacantoj kaj aliaj.

**La periodo de nutrado kaj zorgado** estas 6-10 monatoj. Post la nutrado la agloj ekzamenos la kreskadojn de la aglidoj. La loka asocio membrigos la aglidojn kaj donos al ili atestilojn kiel heroajn aglojn.

**La regulo:** la aglo nutras kaj zorgas 1-3 aglidojn, la agloj kaj aglidoj korespondas minimume kvarfoje monate. Se la aglo ĉesus la nutradon kaj aglido forlasus la zorganton, ili devas informi la kialon al helpanto.

Post sukceso de la kreskigo ni publikas la sukcesintojn al esperantujo perrete kaj donos al agloj premiojn. Ĉiuj agloj laboras senpage, sed eble estos donacitaj per etaĵo de aglidoj kaj lokaj asocioj. Kontaktu s-ron Semio (semio@163.com).

## La 3a Junulara Seminario en Esperanto en Harbino

En la nomo de Heilongjiang-a Esperanto-Asocio, ni varme bonvenigas vin kaj viajn samideanojn por partopreni en "La 3a Junulara Seminario en Esperanto en Harbino" en la 28-29-a de majo, 2011.

LKK: s-ino Song Ping el Harbino songheshu@126.com;

## Brazila esperantisto en Pekino

Karlo de Meneses, esperantisto el Natal, Brazilo, venis al Pekino decembre de 2010. Li, kiel fizikisto, partoprenas en kunlabora esplorado en la Centro por Spaca Scienco kaj Aplikata Esplorado, Ĉina Scienca Akademio, kaj laboros tie por unu jaro. Li volas profiti tiun ĉi bonan okazon por kontakti ĉinajn esperantistojn. Akirinte la informon pri lia veno, pekinaj esperantistoj Diero (Zheng Bocheng) kaj Li Wejlun vizitis lin en la Centro. En ilia kunlabora esplorado la labora lingvo estas la angla lingvo. Konversaciante kun tieaj laborantoj ili kaptis la ŝancon propagandi Esperanton. Karlo esprimis sian intereson koni pli multajn pekinajn esperantistojn. La 13-an de februaro 2011 li estis invitata ĉeesti la printempan te-kunsidon por pekinaj esperantistoj okazigatan en "Aimo Urbeto", restoracio de Wa-nacieco. Zheng Bocheng

## Esperantisto kaj Futbalo

Fama Wuhan-esperantisto s-ro Huxu, ĉefsekretario de Hubei-Esperanto-Asocio, plurjare komercas en Hispanio per Esperanto, kaj tie li samtempe okupiĝas pri futbal-trejnado de ĉinaj knaboj al Hispanio. Ekde 2004 li strebas tiun aferon por kunlabori kun hispanaj futbal-kluboj. Lia sincereco persista por ĉina futbal-afero kortuŝas respondeculon de Basa futbal-klubo.

La 16an de januaro 2011 Wuhan bonvenigis reprezentanton de la klubo por starigi <Basailuola Wuhana Internacia Futbal-lernejo>, kaj okazigis solenan inaŭguran ceremonion en Hubei-Centro por Olimpika Sporto de Wuhan.

Dum la inaŭguro, s-ro Huliao Alpbeito, eksa Basa teama estro,

ofica parolanto de la klubo, esprimis firme subteni la kunlaboron kaj diris: “Baldaŭ, la klubo unuafoje varbos 80 knabojn kun 6-12 jaroj el diversaj lokoj tra Ĉinio, kaj sendos trejnistojn de la klubo kun riĉa sperto al Wuhan”.

La respondeculo de la lernejo, s-ro Huxu deklaris: “La unua celo de nia lernejo estu kulturi talentulojn pri futbal-sporto de Ĉinio”. La reprezentanto de Hubei-provinca Buroo por Sporto, s-ro Liu Linfang esprimis: “Ni certe subtenas fondi la lernejon kun nia plenforto”. Ding Ji el Wuhan <dingjiws@126.com>

## La Inaŭgura Ceremonio de “Babelo de Guangzhou”

“Babelo de Guangzhou” estas Esperanto-paroliga loĝloko kaj bazloko por tiuj tra la mondo, kiuj havas intereson, sanon, tempon kaj monon. La bazloko provizas al tiuj partoprenantoj novan vivmanieron: ili ĝuas sian vivon, lernas Esperanton kaj aliajn sciojn, amikiĝas, faras turismon, precipe eksterlanden, kaj diversajn interesajn aktivadojn bonajn por iliaj korpo kaj menso. Post kiam “Babelo de Guangzhou” normale funkciiĝos, ni, kunlabore kun esperantistoj en- kaj eksterlandaj, funkciigos ĉenon de “Bazlokoj de Babelo” en diversaj lokoj en la mondo, kiaj “Pekina Babelo”, “Shanghaja Babelo” kaj “Londona Babelo”. Pere de Esperanto, ili povas amikiĝi kun pli da homoj, rondvojaĝi la mondon, ĝui la pitoreskejojn, kaj plimulte gustumi diverslokajn frandaĵojn. Estas ĝojege ĝui la vivon plezure!

“Babelo de Guangzhou” apartenas al Guangdong-a kaj Guangzhou-a Esperanto-Asocioj kaj situas en Jiangxia Fabela Infanĝardeno de Baiyun-a Distrikto de la urbo Guangzhou.

Kontakto: "Petro de Kantono" <523202443@qq.com>

## Omaĝo al Doktoro Zamenhof en Kantono

La 16an de aprilo 2011, en la sidejo de la Asocio de Esperanto de Kantono okazis omaĝo al la memoro de Doktoro Zamenhof. La salono de la asocio estis plenplena de samideanoj kaj gelernantoj.

Eĉ ne estis sufiĉe da sidlokoj por ĉiuj ĉeestantoj.

Parolis pri la Majstro nome de la loka movado s-ro Petro Ye, kaj kiel gasto Augusto Casquero. Oni prezentis multajn fotojn de la tombo de Zamenhof en Varsovio. Ĉiuj povis aŭskulti la voĉon de la Majstro, kaj poste kanton de Georgo Handzlik "Mi volas danki vin". Ĉeestis la aranĝo ankaŭ grupo da ĉinaj samideanoj, kiuj intencas partopreni ĉi-somere la UK-on en Kopenhago.




Kaj, kiel kutime en ĉiuj tiuj aranĝoj, oni abunde manĝis fratece manĝaĵojn kaj trinkaĵojn alportitajn de la partoprenantoj, kaj komuna fotado, kiu, kiel ĉiam, iomete malfrue, kiam jam multaj ĉeestantoj ne troviĝis tie.

La aranĝo estis tre sukcesa. Kortuŝa, emociplena, kun etoso samideana. Multaj ĉeestantoj renkontiĝis denove kun malnovaj amikoj, kaj ĉiuj deziris daŭre labori por la disvastigo de Esperanto kaj por la bono de la movado.

Augusto Casquero <augustocasquero@gmail.com>

# Nepalo

## Sukcese Okazis la 9a Himalaja Renkontiĝo en Nepalo

Okazis la 9a Himalaja Renkontiĝo de la 26a de februaro ĝis la 8a de marto 2011. Partoprenis entute 65 esperantistoj. La

partoprenantoj inkluzivis 16 el Francio, 9 el Japanio, 2 el Svedio, 2 el Mongolio, kaj 1 el Danio; ĉiuj aliaj estis nepalanoj.



La programo komenciĝis la 26an de februaro per akceptado de la gastoj; NEspA formale bonvenigis ilin vespere en la 27a en Marsangdi-hotelo en Thamel. F-ino Archana Joshi kondukis la programon. La prezidanto de NEspA s-ino Indu Devi Thapaliya solene malfermis ĝin. Deziris sukceson al la Renkontiĝo reprezantantoj de diversaj grupoj (Francio: s-ro Jean Claude Dubois kaj s-ro Jean Louis Le Brizault; Japanio: s-ino Takagi Michiko kaj s-ro Harada Hideki; Mongolio: s-ino Altantsetseg Myagmar; Svedio: s-ino Urszula Kwasniewska; Orient-Nepala Esperanto-Societo: s-ro C. N. Pokharel; la Pokhara-branĉo de NEspA: s-ro Himalal Parajuli). La ĉefgasto de la programo, s-ro Hori Jasuo (Japanio), lumigis kandelon kaj disdonis Renkontiĝan materialon.

Post du tagoj da ekskursoj en Katmando-valo, tritaga piedvagado komenciĝis la 1an de marto. Oni ekmarŝis de Sundarijal kaj atingis en la 3a Namobuddha tra Chisapani, Nagarkot kaj Dhulikhel.

En la 4a de marto la tuta grupo veturis al Lumbini, la naskiĝloko de Budho. Dum du tagoj oni povis rigardi la vidindaĵojn de la granda sankta tereno. Matene je la 7a okazis prelegoj en Lumbini. S-ro Michel Dechy (Francio) prelegis pri "Tinĉjo en Tibeto". S-ro Peter Wraae kaj s-ino Altangtsetseg (Mongolio) prelegis pri siaj landoj. S-ro Hori Jasuo klarigis "Sumoo-konkurson", kiun li kreis por alkutimigi esperantistojn al legado. Li cetere diris, ke li fondis asocion por ekzerci la kantadon de la Himno "La Espero".

La Internacia Vespero okazis la 8an en la hotelo Manaslu. NEspA-sekretario Himalal Parajuli prezidis la programon. La ĉeestantoj estis bonvenigitaj de vic-prezidanto Narendra Raj Bhattarai. La ĉefgasto, Bairagi Kaila, la kanceliero de la Nepala Akademio, ĉeestis en la unua parto de la programo. Unue partoprenantoj el individuaj landoj esprimis siajn impresojn de la Renkontiĝo, aparte la piedvojaĝo. Deklarante la finon de la 9a Internacia Himalaja Renkontiĝo, prezidantino Indu Devi Thapaliya petis, ke la gastoj kunportu amon kaj bonan senton al sia lando kaj dividu ilin kun siaj amikoj, por ke tiuj havu bonan impreson pri Nepalo.

La dua parto de la programo komenciĝis post la vespermanĝo. S-ro Hori Jasuo kaj s-ino Itoo Ĵunko kunportis multajn aĵojn el Japanio kaj faris aŭkcion kaj kolektis monon por la nepala movado. S-ino Itoo Ĵunko disdonis al ĉiuj ĉeestantoj kaligrafiojn faritajn de si mem en la japana lingvo kaj tradukitajn de Hori Jasuo. Kulturaj programeroj estis prezentitaj de diversaj landoj inkluzive Nepalon.

Specialan dankon al ĉiuj junuloj el Nepalo, kiuj senlace laboris por sukcesigi la programon (aparte s-ro Mukunda Chhatry, Navaraj Buddha kaj Krishna Kanta Neupane).

Bharat Kumar Ghimire <nespa_bharat@hotmail.com>
(ĝenerala sekretario de Nepala Esperanto-Asocio)

## Barato

### Esperanto-disvastigado en Bengaluro inter geskoltoj

VENKI "espero reddy" <esperovr@yahoo.co.in>



Okazis la 26-a Karnataka Provinca Ĵamboreo de la 4-a de januaro 2011 ĝis la 12-a de januaro 2011 en CRPF Training Centre, Taralu-vilaĝo, Kagalipura, Bengaluro, Karnataka, Barato (Hindio). Ĉirkaŭ 8 000 geskoltoj aĝaj inter 8 kaj 17 jaroj el 31 regionoj de la provinco partoprenis, same pli ol 1000 estroj kaj stabanoj. Estis 300 tendoj aranĝitaj en la tre bela natura arbara pejzaĝo kun montetoj kaj lago.

Mi estas ĉiam preta kiel skoltestro disvastigi Esperanton en la skolta movado en Barato. Kun mia edzino Suman, filino Damini, kaj filo Sanjiv, veturis al la tendaro, 96 km for de Bengaluro, per nia Esperanto-aŭtomobilo. Permesite, mi havis budon por instrui al geskoltoj. Tio estis en la Monda Vilaĝo por Evoluo. Mi kunprenis folietojn, legolibrojn, jarlibron, librojn pri la ĵamborea lingvo, vortarojn, Esperanto-revuojn "Juna Amiko", "Esperanto en Azio",

“Kontakto”, BEK-kursmaterialojn, afiŝojn ktp.

Ĉe la budo de Skolta Esperanto-Ligo mi havis 5 horojn por instrui. La klasoj komenciĝis je la 9a matene, kaj daŭris ĝis la tagmezo. Ĉiam venis amaso da skoltoj al la budo por peti informojn kaj partopreni fulmkurson pri la lingvo. En la Monda Vilaĝo por Evoluo la SEL-budo estis altira, ĉar ĉiuj volis lerni la ĵamborean lingvon. Mi disdonis folietojn pri Esperanto; kelkaj volis havi lernolibrojn pri la ĵamborea lingvo, vortarojn, ekzemplerojn de “Juna Amiko”, Esperanto-revuojn por trafoliumi kaj vidi kaj legi ktp. Dume mi instruis fulmkurson kun helpo de geskoltoj, kiuj jam sciis pri Esperanto. Mi klarigis al ili la gravecon de Esperanto por la junaj geskoltoj por disvastigi la celon semitan de d-ro Zamenhof.

Kune kun geskoltoj ankaŭ estroj ĉeestis la fulmkurson. La tre grava punkto, kiun mi diris al ili, estas, ke s-ro Baden Powell estis tiel saĝa ke li antaŭvidis, ke skoltismo fariĝos tutmonda, kaj li rimarkis la gravecon de Esperanto por la skoltoj. Mi parolis pri s-ro A. W. Thomson, la fondinto de SEL en 1918 (La Skolta Mondo). Mi parolis pri la fondinto de Esperanto, d-ro Zamenhof.

Fine mi instruis la skoltan promeson, devizon kaj leĝon en Esperanto. Post la instruado, tagmeze, mi havis parolpraktikon kun geskoltoj en tendoj, en la manĝejo, eĉ en la loka dormetejo kaj programoj. Ili ĉiam provis paroli Esperante. La unua vorto estis SALUTON, kaj aliaj estis BONAN TAGON, DANKON, ĜIS REVIDO ktp. La geskoltoj promesis, ke ili parolos Esperanton, la ĵamborean lingvon en la venonta ĵamboreo.

Mi havis kunsidon kun skoltestroj kaj lernejestroj, kiuj aŭskultis kaj montris intereson kaj petis havi al siaj lernantoj E-klason, kiun mi volonte akceptis fari. Ili promesis disvastigi Esperanton inter geskoltoj en siaj lernejoj.

Estis pli ol 30 roveroj el HAL SERVICE ROVERS, kiuj servis ĉe la ĵamboreo. Post la vespera programo ĉiuj roveroj havis 45-minutan Esperanto-klason, kiun ili petis. Ili havis 9 tagojn da klasoj kaj ricevis atestilojn. Ili eĉ ekzercis la lingvon, uzante simplajn vortojn, kiam ili interparolis. Ili promesis inviti min por

parolekzerca klaso ĉe ili, kaj tion mi akceptis. Ili havis vortaron, lernolibron, ret-paĝon por lerni kaj kompaktdiskon.

Mi dankas kelkajn geskoltojn, kiuj helpis min en la ĵamboreo, farante fotojn. Miaj penoj ne estis vanaj. Mi estas certe feliĉa, ke mi ebligis al geskoltoj konatiĝi kun Esperanto dum la ĵamboreo. Multajn informpetojn kaj petojn pri la E-kursoj mi ricevis. Mi akceptis. Mi donis al ili la ret-paĝon de la kurso lernu.net, BEK-kurso de Dennis Keefe.

## Interveno pri Esperanto en seminario en Mumbajo

Probal Dasgupta <probal53@gmail.com>
Linguistic Research Unit Indian Statistical Institute

En seminario okazinta inter la 27a kaj la 29a de januaro 2011 en la lingvistika fako de la universitato de Mumbajo, la ferma parolado, de Probal Dasgupta, traktis la temon de la tradukado kiel esenca ekzistokondiĉo por tia multlingva respubliko, kiel Barato. En tiu kunteksto, la ferma parolado emfazis la rolon de Esperanto kiel unike efika tradukilo kaj krome kiel aparte lucida klarigilo de la semantika strukturo de vortoj, per kiu la homoj povas plibonigi sian komprenon pri la vortosencoj tute ĝenerale.

Diference de la kutimaj kunvenoj de lingvistoj, tiun ĉi ĉeestis pluraj membroj de la nacia intelekta elito okupiĝantaj pri la historio, la sociologio, la kulturistiko, kaj la mesaĝo do atingis pli reliefan celpublikon, ol eblis en antaŭaj intervenoj en Barato.

En la koridoraj babiloj, eblis atingi plurajn gestudentojn, kiuj proprainiciate lanĉis konversacion pri Esperanto, kaj esprimis interesiĝon eklerni. Kiel kutime, la respondo estis direkti ilin al la retpaĝaro Lernu. Pro mia amata ĉevaleto 'projekto vizaĝoj', mi aldonis rakontetojn pri Sekelj kaj Sinha. Mi atentis respondi al specifaj individuoj, kaj tajlori la respondojn enhave kaj longece al la grado de interesiĝo.

## Israelo

### La 12-a Israela Kongreso de Esperanto

La 12-a Israela Kongreso de Esperanto okazis en Cezareo la 7an-9an de aprilo. Sekve okazis postkongreso por la eksterlandaj gastoj dum la 10-13a.

Partoprenis pli ol 42 personoj, la plej juna estis 2-jara (Omer, la denaska filo de Eran), kaj la plej aĝa - 90 (Rolf Bergh el Norvegio). La kleriga programo enhavis i.a. prelegojn pri "Kulturaj aspektoj en interhoma komunikado" (Kristin Tytgat el Belgio), "La analiza skolo" de Herman Behrmann (Germanio) kaj "Esperanto en Svislando, de Privat ĝis Piron" de Bruno Graf el Svislando. Okazis ankau pli distraj programeroj plej diversaj, kiel debato pri "Esperanto en la ombro de la angla" gvidita de Amri, kvizo de Josi, "logika socia ludo" de Gian Piero, sinprezentaĵo de la pentristo Joni kaj deklamado de Aleks Kerbel. La ĉefaj ekskursoj okazis vendrede al la muzeo de neleĝa enmigrado kaj samtage al la rivero de la krokodiloj, kaj sabate al la antikva romi-tempa restaurita urbo Cezareo, kiu revenigis nin al la tempo de la reĝo Herodo. La tradicia resuma forumo okazis per fotoj en kiuj la kongresanoj povis resperti la okazintaĵojn dum la kongreso. La kongreson kunorganizis Nava, Esti, Amri kaj Josi, kiuj dankas al ĉiuj helpantoj kaj kontribuantoj.

Dum la kvar taga postkongresa ekskurso la eksterlandaj gastoj vizitis la Mortan Maron (Kumran, la oazo Ein Gedi, Masado, la lasta ribelejo kontraŭ la romianoj kaj sin banis flosante en la plej sala maro de la mondo), la aventuran dezertan kanjonon Barak, la Ruĝan Maron kaj Eilat, la ravan Ruĝan kanjonon kaj la klifegojn de la dezerta montara urbeto Micpe Ramon. En la lasta tago oni kun Esti vizitis Jerusalemon – aparte la malnovan urbon, kaj povis fermi la ciklon spektante la rulaĵojn de la Morta Maro trovitajn en Kumran en la novigita muzeo de Israelo.

Fotoj de la Kongreso videblas ĉe
https://picasaweb.google.com/104206151883892331911/IsraelaKon

greso2011#
kaj de la postkongreso ĉe
https://picasaweb.google.com/104206151883892331911/IsraelaPostKongreso2011#

Amri Wandel, Prezidanto de ELI <amri@huji.ac.il>

## Granda, favora artikolo en prestiĝa israela magazino

En la februara n-ro de la prestiĝa kultura kaj mondvojaĝa magazino "Masa Ahher" (hebree "alispeca vojaĝo") aperis 5-paĝa ege favora artikolo pri Esperanto (aldone), el la plumo de israela ĵurnalisto loĝanta en Svedio. La artikolo estas riĉe ilustrita, i.a. per fotoj de la UK-oj en Havano kaj Bjalistoko. Aldone al abundo da faktoj pri la lingvo ĝi intervjuas esperantistojn el Svedio, Kanado, Israelo kaj Aŭstralio.

La artikolo konstatas, ke "Esperanto ekzistas pli ol cent jarojn kaj ĝi daŭre evoluas. Ĝiaj parolantoj estas disigitaj en ĉiuj anguloj de la terglobo, ili estas ege aktivaj kaj produktas ĵurnalojn, muzikon kaj teatraĵojn. Ili havas naciajn kaj internaciajn organizaĵojn kaj ili renkontiĝas en sennombraj renkontiĝoj tutmonde".

Ĝia konkluda alineo diras: "Esperanto estas kiel lingva manpremo: du personoj etendas siajn manojn je duono de la distanco inter ili, farante egalan penon kompreni unu la alian. Esence Esperanto estas reala ilo por egaleco kaj kunekzisto, precize kiel Zamenhof mem priskribis la unuan Esperanto-kongreson: ‘ne renkontiĝis ĉi tie francoj kun angloj, rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj’".

La artikolo aperas en perfekta koincido kun la baldaŭa Internacia Libro-foiro de Jerusalemo (20-25.2), kie ELI havos budon pri E-libroj kaj muziko, kaj prezentos i.a. la novan duoblan KD-n de ELI "Kantu gefratoj kune".

Amri Wandel, Prezidanto de ELI <amri@huji.ac.il>

## Koreio

### La Seula Projekto




Kvar sinjorinoj kunvenis kaj fondis unu teamon 'la Seula Projekto'. Ĉiumonate, la Proketo invitas gaston, kiu prelegas pri sia profesia temo nur en Esperanto. Ĝis nun jam estas invititaj kelkaj gravuloj. Januare en la 1a projekto, fama konsultanto de la universitato KIST prelegis pri la rekomendinda prononcado de Esperanto. Februare, biologo rakontis fantazion pri naturo kaj biologio. Marte, nia ĉefa delegito montris amuzan landon de Esperanto.

Ĉi-monate la Seula Projekto invitis la 4-an gaston, s-ron KIM Younglong, kiu servis en Libano kiel UN-pactrupano kaj nun revenis por daŭrigi sian studon kiel universitatano. La junulo klarigis pri la historio de Libano kaj Palestino, kaj prezentis UN-pactrupon, Koreajn soldatojn en ĝi kaj iliajn helpajn agojn en la regiono. Kiel junulo kaj kiel Esperantisto kun la UN-soldata sperto kaj kun Espero li priparols pacon akireblan en nia reala mondo.

La Seula Projekto okazigas profesiajn prelegojn en ĉiu 3a sabato ĉiumonate kaj la teamo sendas ĝian son-dosieron en MP3-formato al la koncernatoj kaj interesohavantoj.

Ret-adreso: gongpsh@hanmail.net

Foto: Preleganto KIM Younglong kaj lia raporto en la 4a Seula Projekto.

Raportas PARKYong-sung esabpark@korea.com

# Paĝoj de KAEM

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio.

**Projekto B: Kunlaboro**

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

Japanoj・Israelanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Alilandanoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.
B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA.
Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton. (Vidu la detalan regularon).
C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
*"Juna amiko" eldoniĝas 3-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj).
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj (Vidu la detalan regularon).

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj** (Vidu la detalan regularon)
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj.

# Membriĝo 2011

UEA havas sistemon membrigi aktivulojn loĝantajn en nepagipovaj landoj. Tiun ĉi jaron ni elektis jenajn homojn kiel membrojn de UEA, kiuj ricevas la revuon "Esperanto" dum la kuranta jaro.

Ĉinio 17, Vjetnamio 44, Mongolio 17, Nepalo 16, Barato 5, Pakistano 23, Indonezio 22 + 9 (laŭ la subvencio de Canuto), sume 144+9.

## Ĉinio (17)

| | | |
|---|---|---|
| 1. Cao Donghai | 2. Ji Yingeng | 3. Liang Naikeng |
| 4. Huang Tingsheng | 5. Xiong Zhouxuan | 6. Shi Huiping |
| 7. Wang Le Tian | 8. Zhang Jiayu | 9. Jin Zhu |
| 10. Wei shan | 11. Huang Mingzhong | 12. Shen Chengru |
| 13. Xu Deji | 14. Wang Sinrung | 15. HAN Zuwu |
| 16. Difei Xu | 17. Song Ping | |

## Vjetnamio (44)

| | | |
|---|---|---|
| 1. Dang Ngoc Nhan | 2. Dang Tran Thiet | 3. Dao Mai Anh |
| 4. Dao Thi Kim Luon | 5. Dao Thi Kim Yen | 6. Doan Ngoc Anh |
| 7. Duong Tu Kieu | 8. Ho Khue | 9. Hong Hac |
| 10. Huynh Van Ut | 11. Le Kim Phuc | 12. Le Thi Phuong Lan |
| 13. Le Thi Hai Minh | 14. Le Thi Thien Thu | 15. Luong Ngoc Bao |
| 16. Ly Chan Huy | 17. Nguyen Bac | 18. Nguyen Duc Trong |
| 19. Nguyen Hoang Yen | 20. Nguyen Minh Toan | |
| 21. Nguyen Thi Ngoc Hue | 22. Nguyen Thi Nep | 23. Nguyen Thi Ngoc Lan |
| 24. Nguyen Thi Phuong | 25. Nguyen Thi Phuong Mai | |
| 26. Nguyen Thi Thom Thom | 27. Nguyen Thi Thu Hien | |
| 28. Nguyen Thi Xuan Mai | 29. Nguyen Van Ha | 30. Nguyen Van Loi |
| 31. Nguyen Van Phach | 32. Nguyen Vinh | 33. Nguyen Xuan Thu |
| 34. Pham Xuan Thao | 35. Phan Hong Vuong | 36. Thieu Thi My Hoa |
| 37. Tran Hue Quang | 38. Tran Quan Ngoc | 39. Tran Thanh Tuyen |
| 40. Trinh Hong Hanh | 41. Vo Thanh Binh | 42. Vo Thi Kim |
| 43. Vu Hong Phuc | 44. Vu Thanh Duoc | |

## Mongolio (17)

1. S-ro Balduuz Dor
2. S-ro Bataa Saranbaatar
3. S-ino Dagva Gereltogtokh
4. S-ro Deshigsuren Ganbaatar
5. S-ino Gochoosuren Norjmaa
6. S-ro Khurgaa Dashdorj
7. S-ro Luvsanvandan Daramsenge
8. S-ino Tsedenbal Tsogzolmaa
9. S-ro Tulshig Tsogbadrakh
10. S-ino Tumee Tsendsuren
11. S-ino Bataa Dulguun
12. S-ro Bat-Erdene Tumen-Ulzii
13. S-ino Jigjid Azjargal
14. S-ino Khurelbaatar Tuya
15. S-ino Mandakh Ayurzana
16. S-ino Tumurgardy Oyun-Erdene
17. S-ro Samdan Tsedendamba

## Nepalo (16)

1. s-ro Poshraj Subedi
2. s-ro Razen Manandhar
3. S-ro Himalal Parajuli
4. S-ro Cholnath Pokhrel
5. S-ro Ganesh Neupane
6. S-ino Indu Thapalia
7. S-ro Bharat Ghimire
8. s-ro Navin Shrestha
9. s-ro Narendra raj Bhattarai
10. s-ro Shree Prasad Pokharel
11. f-ino Alinka Pokharel
12. s-ro Mukunda Raj Pathak
13. s-ro Nvin Lal Shrestha
14. s-ro Parashar Rijal
15. S-ro Bishwa Raj Goutam
16. S-ro Mukunda Bahador Chhetri

## Barato (5)

1. s-ino S. Poorna
2. s-ro Rohan Dharwadkar
3. K. Naga Siva Kumar
4. s-ro Adinarayana
5. S-ro Bhushan Umeshrao Patil

## Pakistano (23)

1. s-ro Abid Ali Qureshi
2. s-ro Abid Hussain
3. s-ro Ali Amir Bhatti
4. s-ro Asad Shah
5. s-ro Ashfaq Ahmad Bhutta
6. s-ro Ata Muhammad
7. s-ro Ghulam Akbar
8. s-ro Jamil Ahmad Parvaz
9. s-ro Khalid Rasheed
10. s-ro Muhammad Akram
11. s-ro Muhammad Akram Rongha
12. s-ro Muhammad Baqir
13. s-ro Muhammad Naseh Ajmal KHAN
14. s-ro Muhammad Nasir
15. s-ro Muhammad Punhal Kaheri
16. s-ro Shabbir Ahmad Sial
17. s-ro Sohail Kamran
18. s-ro Waseem Arsal
19. s-ro Zubair Ahmad Qasmi
20. Mag.Tanvir BABER
21.s-ro Tanveer Iqbal
22. s-ro Munir Ahmad Joher
23.s-ro Zubair Sohail

## Indonezio (22)

1. S-ro Hazairin R. JUNEP
2. Konperensi Asia Afrika
3. Hafizh Mancayo.
4. Cucu Komariah
5. Irene MM Eta E.
6. Rijanto Husadha

| | |
|---|---|
| 7. Nurhayati Suhui | 8. Hanung Prakoso |
| 9. Reza Pahlevi | 10. Endang Sabrina |
| 11. Muhamed Zaeni | 12. Abdul Haris Adnan (Haris) |
| 13. Fikri Arif Fadillah (Fikri) | 14. Irnamia (Mia) |
| 15. Emy Sanjaya (Emy) | 16. Aries Budiono |
| 17. Herry Hoo | 18. Asri Yuniar |
| 19. S-ro B.J HARYONO | 20. Rahmat Milanisti |
| 21. Irma Inawati | 22. Bunga Dahlia |

**(re-)Kanutigotoj:**

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| sisd | | S-ino Ilia Sumilfia Dewi | | |
| mldi-g | Mulyadi | S-ro Bobby | | |
| mnht-h | Manhitu | S-ro Yohanes | | |
| wibi | | S-ro Heroa Wibisono | immp | S-ro Imam Prayogo |
| prha | | S-ro Pryo Handoko | yovi | S-ino Yovita un Bria |
| kham | | S-ro Khoirul Amin | widj | S-ro Wilton Djaya |

# === Esperanto-eventoj ===

## Azio

### 2011

5.28 ~ 29 / La 85a Kjuuŝuu-Esperanto-Kongreso / Fukuoka, Japanio
6. 11 ~ 12 / La 60a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Saitama, Japanio
6.18 ~ 19 / La 59a Kansaja Esperanto-Kongreso / Koobe, Japanio
8.12 ~ 15 / ILEI-seminario inter Ĉinio, Japanio kaj Koreio / Tianjin, Ĉinio
10.7 ~ 9 / Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio / Seongnam proksime de Seulo, Koreio
*Samloke kaj samperiode okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.
10.7 ~ 9 / La 30-a Komuna Seminario / samtempe kaj samloke en Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio / Koreio.

### 2012

7.28 ~ 8.4 / La 97a Universala Esperanto-Kongreso / Hanojo, Vjetnamio
Somere / La 68-a Internacia Junulara Kongreso / Naha, ĉefurbo de la gubernio Okinavo (suda insularo), Japanio
Somere / La 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio / Changchun, Ĉinio
Oktobre / La 99a Japana Esperanto-Kongreso / Hokajdo, Japanio
Oktobre / La 44a Korea Kongreso de Esperanto / Koreio

**Aranĝoj en la Mondo**
2011.7.9 ~ 17 / Aŭstralia Esperanto-Kongreso / Adelaide
2011.7.17 - 23 / Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj / Kopenhago,
2011.7.23 ~ 30 / La 96a UK / Kopenhago, Danlando
2011.7.30 ~8.6 / La 84a SAT-Kongreso / Sarajevo, Bosnio-Hercegovino

# KAEM-anoj

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung <esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**
Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

**Honoraj prezidantoj:**
s-ro Puramo CHONG (Koreio), s-ro HORI Jasuo (Japanio),
s-ro LEE Jungkee (Koreio)

---

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>